

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XVI Nº 230 NOVIEMBRE-DICIEMBRE 1978

# 38-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN LEON

Grupo da gepartoprenantoj en la XXXVIII-a Hispana Esperanto Kongreso en León.

BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA
DE ESPERANTO

DIRECTORA:
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 2401428
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:
D. Llibert Puig
D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez

*La enhavo de la artikoloj ci tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; gi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.*

Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H.E.F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gastón
Pº Marina Moreno, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

# 38-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



Gekongresanoj ĉe la pordo de la Kongresejo.

Dekstre de la rivero **Bernesga** kaj en konfluejo kun la rivero **Torio** elstaras **León**. Ĝi troviĝas en la kadro de tre vasta kaj arboplena valo kiu, krom ĝia natura beleco, estas fonto de laboro kaj riĉeco, ne nur por la leonanoj sed ankaŭ por la tuta provinco.

León enhavas antikvan kaj modernan kvartalon; en la unua aperas pluraj kaj diversaj placoj altirantaj la vizitantojn pro speciala strukturo kaj utileco. En la moderna parto, altegaj kaj aŭdacaj konstruaĵoj kosmopolitaj, mirigas nin tute. Trairante la urbon, ĉiam kaj ĉie oni povas admiri ravan ĝardenon aŭ malkovri novan poezian pejzaĝon.

La translokiĝo de H.E.F. al **Valladolid** donis oportunan kaj neatenditan turniĝon al hispana esperantismo. Ĝi estis oportuna, ĉar tio

permesis rompi la tradician kutimon elekti ĉiam viron kiel prezidanto de nia movado; neatendita fakto ĉar ĝi oferis al ni la eblecon koni la personecon de la nova gvidanto, en tiu kazo, virino. Oni temas do, pri s-ino Maria Rafaela Urueña, universitata profesorino kies kapableco kaj talento montriĝis dum la elvolviĝo de la kongreso.

Bonŝance la aktualaj momentoj politikaj kaj socialaj favorigas la renovigon en ĉiuj aspektoj, kaj pro tio la nomumita prezidantino konsistigas sendube transcendan ŝanĝon en nia kara Federacio.

## EROJ DE LA ĜENERALA PROGRAMO

12-an Oktobro, je la 5-a p.m. kaj en la Kongresejo, disdonado de dokumentoj. Je la 20-a kaj en salono de Hotelo RIOSOL, okazis Interkona Vespero kaj interfratiĝo kun la alvenintaj kongresanoj.

13-an Oktobro. Solena inaŭguro de la Kongreso en la salono de la «Obra Cultural de la Caja de Ahorros Provincial», ĝentile oferita je nia dispono por tiu ĉi akto. Prezidis kun


La Prezidantino de H.E.F. dum la parolado, okaze de la solena inaŭguro


Portugala samideano salutas la kongreson

estraranoj de H.E.F. kaj membroj de la Organiza Komitato, Reprezentantoj de la Episkopo el León kaj de la Militista Provincestro, kaj Pastro Félix Pérez Ormazábal, Rektoro de la Kolegio «S-ta Johano de la Kruco» kaj membro de la Honora Komitato.

Unue, parolis S-ro Diez, Prezidanto de la O.K. kiu elstaris la gastemecon de la leonanoj kaj la helpon oferita de la aŭtoritatuloj. Poste, parolis Pastro Patricio de Fuentes dankante ĉiujn kongresanojn pro sia ĉeesto. Sekve, la Sekretario, de H.E.F. legis diversajn leterojn kaj telegramojn senditajn de nealvenintaj samideanoj kaj sekve salutis reprezentantoj de sekcioj de H.E.F. kaj diversaj Esperanto Grupoj. Fine salutis nome de la Portugalaj geesperantistoj S-ro José Castro.

Post la interveno de nia portugala, amiko, S-ro González Cantero legis tre afablan kaj simpatian leteron sendita de la Episkopo el León. Por fini la inaŭguron, parolis mirinde kaj majstre la Prezidantino de H.E.F. S-ino Mª Rafaela Urueña.

Posttagmeze: Laborkunsido de estraro de H.E.F. kun delegitoj de Grupoj kaj sekcioj.

Vespere: Prelego en hispana lingvo de Petro Nuez pri la temo: «Los Problemas de la humanidad y el lingüístico». En ĝi li komentis la travivaĵojn de la homaro ekde la prahistorio ĝis la nuntempo rilate al ĝenerala progresado kaj la utiligo de lingvo aŭ dialekto fare de la tribo, etna grupo aŭ popolo laŭ la cirkonstancoj kaj necesoj de interkomunikado kaj interkomprenilo. Kiel komplemento, oni projekciis taŭgajn diapozitivojn.

Vespere: Folklora prezentado en «Casa de la Cultura». Multe plaĉis al kongresanoj la bonega interpretado de la longa repertuaro de tipaj dancoj kaj aliaj muzikaĵoj fare de specialaj instrumentoj.

14-an oktobro: EKZAMENOJ. Sub la gvido de s-ro Francisco Zaragoza Ruiz, kompetenta instruisto de I.L.E.I. (Esperantistaj instruistoj) okazis la ekzamenoj de Esperanto. Helpis lin kelkaj reprezentantoj de H.E.F. La ekzamenoj estis de du gradoj, nome: **Elementa Kurso kaj Supera Kurso.** Laŭ la opinio de la Profesoro, la gradopreparo de la lingvo estis tre evidenta en ĉiuj partoprenantoj.

Post la Ekzamenoj okazis:

Fakaj kunvenoj de H.E.J.S., Blinduloj, Fervojistoj, k.t.p.

Prelego en Esperanto de s-ro Julio Juanes pri «Diversaj aspektoj de la Esperanto movado en nia lando».

La preleganto citis la nomojn de forpasintaj meritplenaj esperantistoj kiuj dumvive agis aktive kaj favore al internacia lingvo en pluraj kampoj kaj terenoj. Poste li ekzamenis serioze la agadon kaj konduton de aliaj esperantistoj, grupoj, societoj enlande kaj eksterlande.

Komparante la nebonajn rezultatojn de la menciita agado, li estigis specialan kritikon kun la celo atingi ke, estontece oni korektos tiajn esperantismajn malsanojn por la bono de la disvastigo de Esperanto en la mondo.



**La gekongresanoj atente aŭskultas interesan prelegon**

## OFICIALA AKCEPTO EN LA URBODOMO

En vera agrabla etoso okazis la menciita vizito en la Urbodomo, kie nia Prezidantino denove mirigis nin per tre gravega kaj dokumentita prelego kiu atingis kulminan punkton de la kongreso. Respondis al ŝi la simpatia aganta Urbestro S-ro Fernando Salgado kiu salutis la gekongresanoj en esperanto per jenaj vortoj: **«Mi, kiel Urbestro de la cefurbo León, estas tre dankema ricevi kaj kore saluti vin en la urbodomo. Al vi, alvenintaj al nia urbo, dankon»**.

Vespere: Kiel kutime okazis la Fermo de la kongreso, lasta ero de la ĝenerala programo dum kiu oni legis telegramon de S-ro Miguel Sancho Izquierdo, honora Prezidanto de H.E.F., kiu estis varmege aplaŭdata.

Post la fermo fare de nia kara Prezidantino, oni kantis nian himnon «La Espero» kun granda entuziasmo kaj fervoro. Finfine la definitivan adiaŭon.

Nokte: Oficiala Bankedo kiu okazis en la fama «Hotel Conde Luna» 15-an Oktobro. Per komforta autobuso, grupo da gekongresanoj vizitis la cefajn kaj artajn monumentojn de la urbo, kiu klarigis esperante la senlaca kaj laborema Pastro Patricio de Fuentes. Inter tiuj monumentoj, ni mencias: Sanktejon Nia Sinjorino de la Vojo; S-ta Isidoron, kie la gekongresanoj povis miri la belegajn murpentrajojn; S-ta Markon, belega platereska konstruaĵo kaj nune luksa Hotelo; fine oni vizitis la Katedralon, belega ekzemplo de la gotika arto en nia lando.



En la urbodomo el León dum la oficiala akcepto

En aparta saloneto, oni regalis nin per lunĉo.

14-an oktobro. Posttagmeze. Okazis la ĝenerala Kunsido de H.E.F. En ĝi oni pridiskutis diversajn aferojn, nome: Pri la informejo en Madrido, estis aprobita komisionon por informi al nova estraro en Valladolid; Loko de la venonta Hispana Kongreso, Oni akceptis Gijón; Barcelona Esperanto-Centro proponis sanĝi la statuton de H.E.F, artikolo 16-an kaj oni ankaŭ proponis ŝanĝi la artikolon 7-an; Pri la kursoj per korespondado, s-ro Zaragoza asertis ke I.L.E.I. gvidas senpagan korespondan kurson.

La Kongreso finis en la kapelo de la Kolegio S-ta Johano de la Kruco per Sankta Meso en esperanto kun prediko, fare de Pastro Patricio de Fuentes y Valbuena (O.C.D.).



**Fermo de la kongreso en la salono de la kongresejo**

## NOTO

**Deviga konstato.** Apartan capitron meritas la totala sindonemo de la Rektoro de la Kolegio San Juan de la Cruz, kiu metis je nia dispono la salonoj de la menciita institucio por la plena elvolviĝo de nia kongreso.

Tutesame al Pastro Patricio de Fuentes pro lia helpo en la rapida solvo de ĉiuj individuaj problemoj.

Koran dankon!

JAIME ARAGAY

## REZOLUCIOJ DE LA 38-a HISPANA ESPERANTO KONGRESO

1-e.—Akcepti GIJON kiel sidejo de la 39-a Hispana Esperanto Kongreso.

2-e.—Eldoni, kiam la ekonomiaj cirkonstancoj tion ebligos, la verkojn premiitajn en la Internaciaj Floraj Ludoj, organizitaj de Kataluna Kunordiga Komitato de H.E.F.

3-e.—Apogi la daŭrigadon de la Koresponda Kurso de H.E.F.

4-e.—Diskonigi la senpagan Kurson de la hispana sekcio de I.L.E.I.

5-e.—Gratuli la Direktorinon de la Nacia Kolegio «PRIMO DE RIVERA» de CALLOSA DE SEGURA pro la helpo oferita favore al la disvastigo de Esperanto.

6-e.—Instigi antaŭ la Ministerio pri Edukado kaj Scienco por enkonduki Esperanton en la 2-a fazo de E.G.B.

7-e.—Peti la apogon de la Ministerioj de Kulturo kaj Komerco kaj Turismo, favore al la disvastigo de Esperanto.

8-e.—Gratuli S-ron Fernando de Diego, pro sia laboro kiel tradukisto, ĉefe pro sia traduko de la verko DON QUIJOTE.

9-e.—Sendi gratulleteron al ĉiuj leonaj informaj medioj pro la ampleksa informo, kiun ili donis dum la Kongreso.

10-e.—Sendi saluttelegramon al Ŝia Rega Moŝto Juan Carlos I.

# PALABRAS DE LA PRESIDENTA DE LA F.E.E. EN EL ACTO INAUGURAL DEL 38 CONGRESO NACIONAL DE ESPERANTO, CELEBRADO EN EL SALON DE ACTOS DE LA OBRA CULTURAL DE LA CAJA DE AHORROS Y M. P. DE LEON

*Exmas. Autoridades, congresistas, señoras, señores:*

*Un año más, nos encontramos reunidos para celebrar el Congreso Español de Esperanto. Esta vez en la bella ciudad de León, donde hemos encontrado el apoyo incondicional de todas las autoridades, así como de los medios de difusión, prensa y radios locales.*

*Sin embargo, por lo desacostumbrado de las fechas de celebración de este Congreso, nosotros sabemos que no han podido asistir todos los congresistas que normalmente nos reunimos en estos Congresos, y que debido a que hay un día laboral en el medio, otros congresistas sólo participarán el sábado y el domingo, pero que aún los ausentes en este momento, en espíritu se encuentran con nosotros.*

*León nos ha recibido con los brazos abiertos, con toda ilusión. Esto no es de extrañar. León históricamente ha sido una ciudad abierta a todas las corrientes internacionales, por encontrarse geográficamente situada en el «Camino de Santiago», en esta ruta jacobea tan conocida en el mundo entero y que tantos peregrinos de toda Europa han atravesado desde la Edad Media haciendo un alto en el camino en el parador, hoy Hostal de San Marcos.*

*Y si nos remontamos a los orígenes de esta ciudad, encontramos que al establecerse a orillas del Bernesga la Legión VII Romana, traía el idioma internacional de la época, el Latín, que el Imperio Romano iba imponiendo por vía de conquista a todas sus provincias.*

*Si el latín fue la lengua internacional en la que escribieron sus obras grandes hombres como S. Isidoro, Luis Vives, etc., o los grandes internacionalistas como el P. Vitoria, Domingo de Soto, Vázquez de Menchaca, y sus obras se leían en todo el mundo culto de su época, no es de extrañar que en la hora actual, en que tras la aparición y subsiguiente desarrollo de los idiomas nacionales, los esperantistas nos esforcemos hoy por dar a conocer al mundo, otro idioma internacional que creemos firmemente está llamado en el futuro a desempeñar un papel verdaderamente universal como en otros tiempos lo desempeñó el latín.*

*Pero el Esperanto no va a extenderse por vía de conquista, sino por vía de aceptación, ante una gran necesidad, cada día más acuciante: La comprensión internacional.*

*En la época actual, en que las naciones no pueden vivir aisladas, en que los grandes problemas internacionales se discuten en conferencias a nivel regional europeo, africano, asiático, etc., o a nivel mundial como en las Naciones Unidas, la Unesco, la Fao, etc., ESPERANTO ofrece la posibilidad de evitar los enormes gastos que*

*para estas conferencias suponen los sistemas de traducción simultánea, siempre expuestos, por otra parte, a un posible fallo técnico.*

*Incluso, a nivel personal, cada día se viaja más al extranjero, existe más correspondencia internacional, existe un turismo mayor con la consiguiente dificultad de tener que aprender diversas lenguas. Y qué decir de esas naciones pequeñas cuyo idioma es totalmente desconocido y que para salir al extranjero han de usar una lengua que pertenece a otro país.*

*Esperanto ofrece al mundo un nuevo medio de comprensión internacional, que como bien sabemos los esperantistas por experiencia propia cuando nos reunimos en Congresos Internacionales de Esperanto, por medio de un idioma común, fácil y neutral, hace posible una perfecta comprensión a todos los niveles.*

*Así sin menospreciar los idiomas regionales y nacionales que son propios de cada nación, Esperanto abre ante el mundo una gran esperanza que puede ser usada por todos, porque al no pertenecer a ninguna nación en particular, no existe descriminación lingüística ya que es patrimonio común de toda la humanidad.*

*Esto es lo que ofrece Esperanto.*

*Así no es de extrañar que León, que no nos conocía, puesto que aún no posee Grupo Esperantista local, nos haya recibido con el mayor interés.*

*Ya cuando S. Isidoro vino a esta ciudad, procedente de Sevilla, en el año 1063 como emigrante desplazado de aquella musulmana ciudad, y fue rescatado por los diplomáticos del rey leonés Fernando I, León le acogió y no sólo le recibió, sino que le ha considerado como hijo de la ciudad, y el templo donde reposan sus restos se convirtió en el centro cultural del Reino durante centuria y media.*

*León no es ya la antigua ciudad romana, ni la pequeña ciudad medieval. Hoy es una ciudad moderna, pero que ha sabido conservar en su esencia, ese espíritu abierto a la cultura y a las nuevas corrientes del saber.*

*Por eso yo quiero agradecer en nombre vuestro a la ciudad de León y a sus autoridades, su cordial acogida y a vosotros desearos un feliz y fructífero Congreso.*

---

# RAPORTO PRI LA AGADO DE HISPANA ESPERANTA FERVOJISTA ASOCIO DUM 1977-78

La nombro de nia membraro estis kiel pasintjare 230 membroj.

La plej grava okazintaĵo ĉe nia Asocio estis la 30 IFEF Kongreso okazinta en ROMO en kiu partoprenis 28 HEFA anoj.

Ankaŭ dum la 37-a Hispana Esperanto Kongreso aktive partoprenis niaj anoj.

Nia Asocio kunlaboris en la organizado de la 19-a kaj 20-a Katalunaj Esperantaj Renkontiĝoj okazintaj en Cornellá kaj Tortosa.

Uzante la koresponda Kurso de P-ro Pedro Nuez, nia Asocio daŭrigas la instruadon kaj disvastigadon de Esperanto inter la fervojistaro.

Ekde 1977 nia Asocio aktive kunlaboras en la taskoj de la Terminara Komisiono de I.F.E.F.

Tio ĉi estas skize nia konstanta laboro dum tiu periodo.

**R. Giménez Feliú**
**PREZIDANTO DE HEFA**

# RAPORTO PRI LA AGADO DE LA N

Pere de Cirkulero sendita de la antaŭa estraro de Hispana Esperanto Federacio, ĉiuj membroj estis kunvokitaj por ke ili elektu, inter la proponoj ricevitaj de Alicante, Barcelona, Sabadell kaj Valladolid, tiu kiu laŭ sia opinio estu la plej konvena kaj taŭga por gvidi la laboron de la hispana esperanto-movado.

La 30-an de aprilo en la sidejo de la tiama H.E.F. estraro, okazis generala eksterordinara kunveno kies nura punkto estis elekto de nova H.E.F. estraro la rezulto de la balotado estas de ĉiuj konata kaj mi nur povas diri ke ĝi estis vere emocia, car Valladolid je la fino superis al Barcelono nur unu poento.

Ekde la unua momento, la nova H.E.F. estraro estis plene konscia de la granda kaj certe malfacila tasko kiu ĝi prenis sur siaj ŝultroj, tamen kun granda entuziasmo kaj kun la helpemo kaj komprenemo de ĉiuj gefederacianoj, ili eklaboris.

Kun la celo ke ĉiuj federacianoj estu informitaj pri la ŝanĝo de la sidejo de Hispana Esperanto Federacio kaj dezirante, ankaŭ, ke ili estu informitaj pri aliaj interesaj novaĵoj rilate al diversaj servoj de H.E.F. oni sendis al ĉiuj Cirkulero-n Nº 1. En ĝi, inter alie, oni informis pri la ekzisto de du kontoj en Valladolid. Unu, por pagoj al Kasistino (ĉefe kotizoj) kaj alia por pagoj al Libro-Servo. Malgraŭ la fakto ke en menciita Cirkulero ni aperigis la plenajn adresojn kaj numerojn de la kontoj, estas multaj gesamideanoj kiuj pagas pere de poŝtmandato sendita al la adreso de H.E.F. Tio rilate, mi serioze devas diri ke sendado de mono al la adreso de H.E.F. aŭ al la privata adreso de iu ajn H.E.F. estrarano estas por ĉiuj kaj ĉefe por la kasistino ampleksigo de la laboro kaj tio povas okazi prokrastron de aliaj plej gravaj kaj urĝaj taskoj.

La laboro de la Estraro de H.E.F. ne povas esti efika kaj sukcesa, se kun ĝi ne kunlaboras ĉiuj grupoj kaj membroj al ĝi aliĝantaj. Kun la celo koni la laboron kaj agadon de la diversaj Esperanto-Grupoj ekzistantaj en Hispanio, oni sendis al ĉiuj Enketilon. Al ĝi respondis kelkajn, kaj mi petas tiujn kiujn ankoraŭ ne respondis, respondu kiel eble plej frue.

En la monato Junio la Prezidantino de H.E.F. sendis gratulleteron al S-ro. Federico Mayor Zaragoza, pro sia nomigo kiel dua Ĝenerala Direktoro de UNESCO.

En la monato Julio oni sendis al D-ro. Ivo Lapenna gratulleteron, okaze de la kvindejaro de sia esperantiĝo.

En la menciita monato Julio, kaj okaze de vojaĝo por partopreni la

## NA H.E.F. ESTRARO

U.K. okazonta en Varna, la Prezidantino kaj la Sekretario de H.E.F. kunvenis en la sidejo de Barcelona Esperanto Centro kun reprezentantoj de pluraj Esperanto-Grupoj el Barcelono kaj provinco.

En la malfermo de la U.K. nia Prezidantino salutis nome de H.E.F. sia interveno estis longe kaj forte aplaŭdata.

Ĵus alvenintaj al Valladolid, la H.E.F. estraro eklaboris por okazigi la ĉi jaran Nacian Esperanto-Kongreson. Post la nea respondo de S-ro Zaragoza por tien okazigi la Kongreson, kaj post konscia kaj serioza meditado oni decidis fari la oportunajn paŝojn por ke ankaŭ ĉijare la hispanaj geesperantistoj povus kunveni. Feliĉe kaj dank'al la malavara helpemo de Pastro Patricio de Fuentes kaj al gentileco de la Rektoro de la Kolegio Srta. Johano de la Kruco, ni povas kunveni en ci tiu arta kaj bela urbo León.

La 8-an kaj 9-an de Setembro la Prezidantino kaj la Sekretario de H.E.F. vojaĝis al Zaragoza por partopreni en kunsido de la Patronaro de la Fundación Esperanto kaj oni profitis la okazon por kontakti kun la zaragozaj gesamideanoj.

La personaj kontaktoj okazintaj kun samideanoj el Valladolid, Barcelona kaj Zaragoza estas deziro de la H.E.F. estraro kaj speciale de la Prezidantino okazigi, ĉiam ke tio estas ebla.

Ĝojiga fakto estas ke al Grupoj de Esperanto aliĝintaj al H.E.F. aliĝis lasttempe la Grupo de El Ferrol «Verda Stelo». Ni deziras ke la nombro de Esperanto-Grupoj kresku kaj ampleksigu.

Al ĉiuj Naciaj E. Asocioj ni sendis, siatempe, Cirkuleron informante pri la nuna adreso de H.E.F.

En Aŭgusto oni ricevis leteron de S-ro. Hernández Yzal, per kiu li demisias de sia posteno de ĉefdelegito de U.E.A. pro profesiaj kialoj.

Laste, ni informas ke libroservo jam translokiĝis al Valladolid, kaj ni jam komencis funkcii. Ni esperas ke tiu servo funkcios kontentige por ĉiuj.

Okaze de la preparoj de la nuna Kongreso, oni sendis al ĉiuj cirkuleron numero 2.

Ankaŭ kaj okaze de la Kataluna Esperanto Renkontiĝo en Tortosa, ni sendis leteron gratulante la Katalunajn samideanojn pro sia efika kaj pozitiva laboro.

Fine, nia plej urĝa kaj ĉefa tasko estas la aperigo de Boletin, kaj mi devas diri ke ni jam komencis aranĝi la oportunajn paŝojn por ke ĝi aperu baldaŭ.

LUIS HERNANDEZ

# NIAJ GRUPOJ

Oktobro, estas lerniga monato, kaj en niaj Grupoj komencas klarigon de Elementaj kaj Superaj kursoj. Jen informoj ricevitaj.

**BILBAO**

La 23-an Oktobro, sub gvidado de Prof. Julio Juanes komencis en la sidejo de la Esperantista Grupo, Elementan Kurson. La kurso okazas merkrede kaj vendrede, de 7,30 ĝis 8,30.

Ankau, marde kaj ĵaŭde, de 7-a ĝis 8-a nokte, okazas praktika kurso por plibonigi la lingvan nivelon de geĉeestantoj.

**ZARAGOZA**

En la unuaj tagoj de Oktobro, komencis en la sidejo de «FRATECO», San Vicente de Paul 1, Elementan kurson. Por progresantoj Frateco aranĝas Seminarion pri Esperantistaj Studoj, kun prelegoj, kolokvioj, kiu komencis la 19an de Oktobro.

**VALLADOLID**

En la sidejo de la Grupo «Fido kaj Espero», komencis Elementan Kurson la 16an de Oktobro, sub gvidado de S-ano Vicente de la Parte, lunde, merkrede kaj vendrede, de la 8-a ĝis la 9-a vespere.

La veteranaj samideanoj kunvenas marde kaj ĵaŭde, por praktiki la lingvon.

**SANTIAGO DE COMPOSTELA**

En la Instituto pri Lingvoj de la Filologia Fakultato de la Universitato el Santiago de Compostela, okazas Kurso de Esperanto sub gvidado de Prof. Antonio Alonso, Delegito de U.E.A.

Afiŝoj pri la okazigo de la Kurso, oni fiksis en la tabuloj de ĉiuj Fakultatoj.

**LEON**

Post la sukcesa 38a Kongreso de Esperanto, afiŝoj situataj en la plej videblaj lokoj de la urbo anoncis komencon de Elementa Kurso.

La 24-an de novembro kaj en Centro Nacional de Formación Profesional, komencis la kurson kun ĉeesto de multaj personoj. Unue, oni legis telegramon sendita de la Prezidantino de H.E.F. dezirante sukceson, kaj sekve Pastro Patricio de Fuentes, gvidanto de la kurso, prelegis hispane pri «Kial Esperanto en la lernejoj?». La kurso okazas lunde, merkrede kaj vendrere de la 8a ĝis la 9-a horo kun ĉeesto de preskaŭ 80 gelernantoj.

**BARCELONA**

La Esperanto-Fako de Fomento Martinense (Barcelono), inaŭguris la 12-an de Novembro, la 5-an ekspozicion pri Esperantaĵoj, kun granda sukceso. Ĝi estis tre vizitata de la aŭtoritatuloj, de la ĝenerala publiko kaj de la reprezentantoj de barcelonaj radiostacioj.



# AGADO E-3



Sub la devizo ESPERANTISTOJ ESPERIGAS ESPERANTON (E-3) antaŭ pli ol dek jaroj, S-ro J. Tuinder lanĉis kampanjon por helpi kuraceblajn blindulojn en Orienta Afriko.

Jam realiĝis du projektojn, tio estas, donaco de veturantaj okulklinikoj al Kenjo kaj Malavio. Unu el tiuj veturantaj okulklinikoj havas skribita en unu el la flankoj, la jenan tekston: «Zamenhof-okul-kliniko I, donaco de la tutmonda esperantistaro al la Institucio Prof. Weve kaj Kenja Porblindula Societo». Aliflanke la teksto estas skribita anglalingve. La veturilo krom helpi brindulojn, propagandas Esperanton kiel lingvo de frata helpo kaj amikeco.

La tria projekto celas donaci surradan okulklinikon kun ilaro por la Nukumo-Hospitalo en Kenjo, kaj la kvara celas helpi blindulojn en la Tria Mondo kies nombro daŭre kreskas.

La plej efika maniero por profitigi multege da blinduloj kaj okulpacientoj de oftalmología helpo estas: veturigi de el ekzistanta hospitalo surradajn klinikojn, kiuj povas vojaĝi de loko al loko.

Teamo de okulspecialisto, flegistino kaj asistanto faras la necesajn operaciojn, disvastigas teknikojn kaj scion, kaj donas prihigienan instruon por preventi blindecon kaj okulmalsanojn.

Per tia veturanta okulcentro esperantistoj helpis Kenjon kaj Malavion.

Sendu viajn kontribuojn al S-ro Jacques Tuinder, Henegouwenlaan 35, 1966 RH HEEMSKERK (Nederlando).

Poŝtĉekkonto N-ro 10 20 100 je la nomo de J. A. Tuinder, Heemskerk, kaj sur la slipo menciu; Lumo por Kamerunio.

# NOVAĴOJ EN LIBROSERVO DE H.E.F.

| | |
|---|---|
| Fundamento de Esperanto (Zamenhof) | 400 p-toj |
| Zamenhofa Legolibro (Kidosaki) | 175 p-toj |
| Unua lernolibro de Esperanto (Zamenhof) | 78 p-toj |
| Esperanto por infanoj (Gladstone-Solomon) | 140 p-toj |
| Por la praktikantoj | 445 p-toj |

# NOTAS DE INTERES PARA TODOS LOS FEDERADOS

**H.E.J.S.**

Con el fin de ayudar económicamente a la Sección Juvenil de la Federación Española de Esperanto, en el 38 Congreso Nacional de Esperanto, celebrado en León, se tomó el acuerdo de que todos los Grupos Esperantistas se abonarían a la revista editada por dicha Sección. Rogamos a TODOS LOS GRUPOS se sirvan cumplimentar dicho acuerdo.

**BOLETIN**

Con este número correspondiente a Noviembre-Diciembre, finaliza el año 1978. Rogamos a todos los que no han hecho efectivo el pago correspondiente y no hayan recibido el presente número **contra reembolso**, envíen la correspondiente cotización a la cuenta que la Tesorería de H.E.F. tiene abierta a tales efectos.

**COTIZACIONES 1979**

Se recuerda que las cotizaciones para 1979 son las mismas que para 1978. Rogamos a todos los federados que aún no han hecho efectivo el pago correspondiente lo hagan lo más rápidamente posible, a fin de facilitar nuestra labor y conocer las posibilidades económicas para poder editar BOLETIN.

**ABONO A BOLETIN**

La mejor y más fácil manera de dar a conocer a vuestros amigos esperantistas del extranjero, la marcha del movimiento esperantista en España, así como las bellezas histórico-artísticas de nuestro País, es la suscripción al BOLETIN, mediante el pago de 300 ptas. Al envíar las cantidades correspondientes para abonar a BOLETIN a vuestros amigos, envíar a la dirección de H.E.F. una carta o tarjeta postal indicando, legible y claramente, el nombre y la dirección completa de las personas a las que abonais a BOLETIN.

## EKZAMENOJ POR ELEMENTA KAJ SUPERA DIPLOMO DE H. E. F.

Jen estas la rezultoj de la Ekzameno:

Por la Elementa Diplomo

| | |
|---|---|
| María Nieves GARCIA ROVIRA | Elstara, 8/10 |
| María Pilar ALONSO MORO | Elstara, 7/10 |
| Carlos TORRALBA ROVIRA | Bona, 6/10 |
| María GARCIA MARTIN | Elstara, 7/10 |
| Julia GONZALEZ MARTIN | Bona, 6/10 |

Por la Supera Diplomo

| | |
|---|---|
| Juan José HERNANDEZ REY | Superelstara, 9/10 |
| Oscar PUIG CANOVAS | Elstara, 8/10 |
| Augusto CASQUERO DE LA CRUZ | Elstara, 8/10 |

León la 14an oktobro de 1978

# REMEMORE, KVAZAŬ OKAZUS HODIAŬ

Kun la esperantista pioniro S-ano Font Perxés, kunfondinto de la iama tre grava E-societo «Barcelona Stelo», mi kunvojaĝis al Castellón de la Plana, cele kongresi en tiu urbo, la jaron 1958.

Mi ne scias, ĉu la hazardo, aŭ eble ies propono, ial influis, ke kataluna kvaropo konsistanta el tri historie prestiĝaj pioniroj de Esperanto, bedaŭrinde ĉiuj jam mortintaj, kaj unu cetere sensignifa fervorulo esperantista, kiu subskribas ĉi tiun rememoraĵon, povis gasti en sama hotelo.

S-ro Font Perxés, laŭnature krude sincera, bombardis ĉiutage ĉe la manĝotablo siajn amikojn Pastron Casanovas Argelaguer kaj Delfí Dalmau, demande pri nebulaj, okazintaj eventoj en nia Esperanto-Movado. Profesoro Delfí Dalmau, ĉiam milda, mi dirus kun sia malvarmsanga teniĝo, kutima ĉe li, daŭre respondis kvazaŭ poŝtkarte, (1) sed tamen tre objektive kaj konvinke. Pastro Casanovas, denaskiĝe serena kaj bonkora, prenis parton en la konversacioj kun sobra inteligenteco kaj delikata saĝo. Mi memoras, kiom da respekto kaj simpatio respegulis liaj intervenoj, cetere konformaj al liaj katolika kaj esperantistaj kredoj, kiujn li profunde amis. Pastro Casanovas montris sian kontentecon, ĉar lia deziro ĉeesti gravajn Esperanto-Kongresojn feliĉe realiĝis, same kiel ankaŭ lia pastra revo iam sin bani en la fama rivero Jordano, pro kio li manifestis sian ĝojon. Kontraste, dum kaj tuj post la intercivitana milito hispana, kies daŭro kaj paca sekvo estis bedaŭrinde ne tre certa por multaj diverstendencaj ideologiuloj, li eĉ timis enkarcerigon pro siaj konvinkoj katolika, katalun-aŭtonomeca kaj esperantista.

Tiu kelktaga kunrestado en sama hotelo plifirmigis mian amikecon kun Pastro Casanovas Argelaguer, precipe ĉar mi konstatis ĉe li pruvojn de sincera homamo. Mi volas ĉi tie nur mencii lian atendon al mi, okaze de malfrua reveno al iom distanca hotelo, post ĉeesto al nokta balo enprogramita en tiu Esperanto-Kongreso. Al mia demando, kial li ankoraŭ ne enlitiĝis en sia ĉambro, mi tuj konjektis, ke li tion ne povus fari sen la reveno de kara amiko.

**Rememoris: V. Hernández Llusera**

(1) El longjara korespondado kun Akademiano Delfí Dalmau, precipe rilata al abonoj de Esperanto-gazetoj, kiujn li administris dum multe da tempo, la subskribinto preskaŭ ĉiam ricevis de li koncizvortajn poŝtkartojn, per kiuj, tamen, li sukcesis aranĝi eĉ la plej komplikajn situaciojn.

# UNESKO - RONDA TABLO PRI LA MONDO KIUN NI POSTLASOS AL NIAJ GEFILOJ

Por diskuti pri tia grava kaj fundamenta problemo «Kian mondon ni postlasos al niaj gefiloj?», kunvenis pasintan monaton julio en la ejo de la UNESKO, grupo da eminentaj personoj alvenintaj el ĉiuj kontinentoj. Ilia ĝenerala konkludo: mondo necerta kaj danĝera.

S-ro Amadou-Mahtar M'Bow, Ĝenerala Direktoro de UNESKO kondukis la etoson de la debatoj, kiam deklaris, ke la mondo, en kiu nun naskiĝas la geinfanoj, estas «ne nur kriza mondo, sed mondo, kiu eksperimentas aŭtentikan ŝanĝon»; teknika ŝanĝo, sed precipe, ŝanĝo de la valoroj kaj de la etiko, kiu metas antaŭ la tuta homaro novajn kaj gravajn problemojn.

Samsence parolis sinjorino Stefania Aldaba-Lim, Ĝenerala Subsekretariino de la Unuiĝintaj Nacioj, kiu postenas por la organizo de Infana Internacia Jaro, kiu reliefigis la mizeron en kiu vivas milionoj da geinfanoj; ĝi rimarkigis, ke la duono de la mortkvanto, kiu okazas en la mondo, konsistas el infanoj. malpli ol dekvinjaraj.

**Trad. Joaquín López**

# INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ - 1979
## 19-a ALVOKO

Dezirante okazigi plue la glorajn INTERNACIAJN FLORAJN LUDOJN, kiuj tiel solene okazadis 18-foje en diversaj urboj de Katalunujo, la Kataluna Kunordiga Komitato de la Hispana Esperanto-Federacio invitas la esperantistajn poetojn kaj prozistojn ĉiulandajn konkurse konkuri per siaj verkoj en tiu tradicia Beletra Trobadora Festo kiu celebriĝos en la kadro de la 21-a Kataluna Esperantista Renkontiĝo.

Estos aljuĝitaj la jenaj PREMIOJ:

**POEZIA BRANĈO**

1. **NATURA FLORO**, al plej bona ama poemo. (Maksimume 80-versa)
2. **JASMENO**, al la plej bona priesperantisma poemo. (Maksimume 80-versa)
3. **VIOLO**, al la plej bona humanisma aŭ etika poemo. (Maksimume 80-versa)

**PROZA BRANĈO**

**PREMIO** al plej bona novelo. (Maksimume 2000-2500 vorta)

**TRADUKA BRANĈO**

Traduki el la kataluna la noveleton «L'home de la pipa», kies tekston aperas en alia paĝo de BOLETIN.

La Juĝa Konsistorio aljuĝos, se eble, subpremiojn.
Ĉiu konkursanto bonvolu priatenti la jenan.

**REGULARON**

1. La verkojn oni sendu, po 4 ekzempleroj nepre tajpitaj je duobla interspaco, nur ĝis la 15-a de julio 1979-a, laŭ la poŝtstampo, al jenaj nomo kaj adreso de la Sekretario: Gabriel MORA i ARANA, str. Carrió, 5, 4. MANRESA (Barcelona) Hispanujo.
2. **Ne rajtas konkursi** tiuj verkoj antaŭe premiitaj aŭ publikigitaj.
3. La aŭtoroj ne devas subskribi siajn konkursaĵojn, sed, krom la titolo, ili devas skribi specifan moton aŭ pseŭdonimon.
   Ili enmetu slipon kun siaj nomo kaj adreso en apartan fermitan koverton sur kiu estu skribita la titolo, moto aŭ pseŭdonimo, kaj la elektita branĉo.
4. Kvankam oni devas konsideri ke ĉiu aljuĝota Premio estos, esence, nur honora, ĉiu gajninto ricevos, krom Diplomo, valoran esperantan libron aŭ mondonacon, laŭ ebleco.
5. La Sekretario antaŭsciigos al la ĵus premiitoj la Verdikton por ke ili povu ĉeesti la Feston aŭ elekti siajn anstataŭantojn (precipe, la gajninto de la Natura Floro, kiu simbole oferdonos ĝin al la Reĝino de l'Poetoj, kaj ŝin akompanos ĝis la trono).
6. La Organiza Komitato rezervos al si la rajton, dum unu jaro, publikigi la premiitajn verkojn.

Sabadell, la 15-an de decembro 1978-a

# L' HOME DE LA PIPA

La pipa no el deixava mai. Talment semblava això: que la cargolada pipa no podia viure sense ell. I ell xuclava delitosament tot el dia els gustos acres d'un tabac pudent que a penes es cremava.

Damunt el seu carro, traginant enderrocs, tots els dies feiners el podíeu veure moltes vegades, immutable, amb la pipa sortint de la seva boca i expel lint només unes boiretes blaves. Era allò, de veritat, una pipa obstinada, feta expressament perque no hi hagués l'expansió voluptuosa de cremar tabac amb incontingut plaer.

La pipa constituia per a aquell rostre, una faiçó tan natural com la corba especial d'un nas, l'amplada d'un front, la prominéncia d'un mentó. Peró, quina cara feia l'home de la pipa? Si voleu que us ho digui, no sabria pas descriure-ho, puix que tota la seva naturalitat estava en aquell instrument i en la manera de portar-lo. I ell potser ni ho sabia que eren una sola cosa, i que la constant i pacífica succió marcava en el seu carácter una visió reservada d'home eixut de paraules i d'expressions, les quals, sense ésser aspres, eren pronunciades amb mots que penosament podien passar per entre les dents.

Peró, com en molts dels homes dels quals s'escriu alguna cosa amb l'anecdota per damunt de llurs vides, l'home de la pipa morí d'una fulminant apoplexia. I no tingué, un cop mort, ni temps de desfigurar-se ni d'adoptar el posat que li corresponia de difunt. Quelcom flotava, no cal dir-ho, d'estrany en la seva cara adormida de sanguini. I els que el visitaven de cos present, ho atribuien, naturalment, a la mort.

La filla gran, estant sola amb ell vetllant-lo, sentí sobtosament com si el seu pare li parlés i li supliqués alguna cosa. Pura il.lusió! Peró ella, seguint els dictats d'una veu imaginária, li col.locá la pipa entre llavis, procurant aquella naturalitat tan própia d'aquell home quan era viu. I ni un moment no li semblá que alló pogués ésser cap irreverencia. Ans al contrari, li feu l'efecte que el seu pare li demostrava un sincer agraiment.

Vingué més gent, i tote deien: «Que natural ha quedat; ni ho sembla que sigui mort!» Ningú no reparava res d'impropi en aquell cadaver que ja tenia el taüt a l'espona, i que els homes de la funerária no trigarien gaire a tancar-l'hi.

Finalment vingué l'hora punyent per als familiars i amics: dos enterramorts l'aixecaren enterc i el col.locaren dins la caixa fúnebre. Peró abans de tapar-lo, un d'aquells dos homes s'adoná de la pipa, i exclamá amb desdeny propi de l'ofici: «Que en farem d'aixó?» De moment, tots els allá presents es cregueren que tractava el difunt de trast inútil, i se'n sorprengueren. Peró la filla gran copsa l'advertiment, i no pogué dir res més que unes paraules ploroses, gairebé de súplica: «Deixeu-la-hi, perque, pobre pare, sense la pipa se'ns tornaria a morir!»

G. M.

# INTERNACIAJ KONGRESOJ KAJ KUNVENOJ

## PRINTEMPAJ KULTURAJ ARANĜOJ EN GRESILLON

La Esperantista Kulturdomo de Grésillon (Francujo) aranĝas ekde la 11-an ĝis la 18-an de Aprilo, Praktikan Pedagogion kaj renkonton de infanoj. Por pli detalaj informoj skribu al: ESPERANTISTA KULTURDOMO. Kastelo Grésillon. F-49150 BAUGE (Francujo).

## 63- A BRITA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Cheltenham-Urbodomo ekde la 13-an ĝis 16-an de aprilo, kun ekskursoj al La Shakespeare kamparo, al la arbaregoj de Dean kaj Tintern, al la valoj de la riveroj Wye kaj Severn kaj tra belegaj montetoj. Hispanaj geesperantistoj povas partopreni sen pagi aliĝilon. (Sekretaria adreso: 307 Stroud road. **Gloucester** G1l 5LF. Britujo).

## SIMPOZIO PRI PRINCIPAJ KONDICOJ POR GENERALA INTERNACIA EUROPA LINGVO

La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (I.L.E.I.), en la kadro de l'U.E.R. pri Lingvistiko Ĝenerala kaj Aplikata, Universitato René Descartes, organizos simpozion pri «principaj kondiĉoj por ĝenerala internacia eŭropa lingvo».

La tasko de la simpozio estos nomi lingvon kiu povus esti komuna por ĉiuj sociaj, kulturaj, politikaj kaj ekonomiaj interrilatoj en la fondiĝonta Eŭropo. La temaro ampleksas la socian problemon kaŭzata de la lingvodiverseco en internaciaj rilatoj.

La simpozio okupiĝos pri solveblecoj kaj solvproponoj laŭ diversaj kriterioj kaj ili estos aplikataj al; la latina lingvo, naciaj lingvoj (angla, franca, k.t.p.), projektitaj aŭ seninfluaj planlingvoj (Volapük, Ido, k.t.p.) kaj Esperanto kiel sola transformiĝinta de projekta al vivanta lingvo.

La simpozio okazos en Parizo ekde la 17-an ĝis la 19-an Majo en la Universitato René Descartes, 12 rue Cujas, 75.005 PARIZO (Francio).

## INTERNACIAJ RENKONTIGOJ

Internacia renkontiĝo de la nordgermanaj Esperantoamikoj en la tempo: 18.05.1979 ĝis 20.05.1979. Amuza programo. 'Junuloj ricevos senpagan tranokteblecon.

Bonvolu peti la programon kaj aliĝilojn ĉe: s-ro Wolfgang Ziet, Herzog-Heinrtch-Str. 5 D-3420 Herzberg, F. R. Germanio.

— • —

Internacia Junulara Renkontiĝo en Herzberg de 22-a ĝis 24-a de Junio 1979, grandaj programeroj: i.a. kantos la fama Jak le Puil el Parizo, polaj studentoj ludos gajajn teatraĵojn, multaj aliaj amuzaj programerojn.

Informojn kaj aliĝilojn petu jam nun ĉe: s-ro Andreas Josch.

Grubenhagenstr. 7 D-3420 Herzberg. F.R. Germanio.

## 35-a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO DE TEJO AUSTERLITZ (NEDERLANDO) 20-a ĝis la 27-a Julio

La temo de la I.J.K. estas «Interŝtataj Unuiĝoj - kiucele?». Titolo tia sugestas diversajn aferojn: iuj tuj pripensas registarajn organizojn, iuj neregistajn. Aliaj rimarkos, ke «Unuiĝoj» nepre implikas nur Organizojn.

Petu informojn: 35-a I.J.K., 1979, Postbus 4083.9071 EB. Groningen, Nederlando.

## 64-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO LUCERNO (SVISLANDO) 1979,07,28 ĝis 08,04

### Impona Honora Komitato

La Honoran Komitaton de la 64-a U.K. prezidas d-ro Hans -Rudolf Meyer, parlamentano kaj nuna urbestro de Lucerno. Aliaj membroj estas s-ro Luigi Generali, prezidanto de la Nacia Konsilantaro (Parlamento). Protektanto estas d-ro Hans Hürlimann, kiu en 1979 estos federacia prezidanto de Svislando.

# XXXIX HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO (GIJON 16-21 julio 1979)

## ORGANIZA KOMITATO

| | |
|---|---|
| PREZIDANTO | Santiago Mulas Gallego |
| VICPREZIDANTO | Adonis González Meana |
| SEKRETARIO | Faustino Castaño Vallina |
| KASISTO | Ildefonso Domínguez Losad |
| VOĈDONANTINO | María Pilar Alonso Moro |
| VOĈDONANTO | José Ordieres Dacosta |
| VOĈDONANTINO | Marina Piquero Muñiz |
| VOĈDONANTO | Julio Argüelles García |
| VOĈDONANTO | Quiterio Ballesteros |
| VOĈDONANTINO | María Nieves García Rive |
| VOĈDONANTO | Luis Muñiz Martínez |
| VOĈDONANTO | Antonio Román Cantón |

### KONGRESEJO KAJ AKCEPTEJO

Ateneo Jovellanos, Enrique Cangas, 25 GIJON, kie okazos la plej granda parto de la programo.

### PRELEGOJ

Kiel tradicie, du prelegoj, unu hispanlingve kaj alia esperantlingve okazos dum la kongressemajno.

### PRELEGO EN ESPERANTO

Elstara kaj mondkonata esperantisto, membro de la Akademio de Esperanto, D-ro Juán Régulo Pérez, Universitata Profesoro en la Universitato de La Laguna (Karariaj Insuloj) prelegos. Sia alta prestiĝo kaj sia profunda scio de la internacia lingvo ESPERANTO garantias ke tiu prelego estos brila ero de la programo, alloga kaj interesa, kiu tiel entuziasme preparas por ni, niaj karaj geamikoj de GIJON sub prezido de tiel kompetenta membro kiel estas S-ro Santiago Mulas, Prezidanto de la O.K.

### ALIĜILOJ

Kun antaŭa número de BOLETIN vi ricevis la koncernan aliĝilon, kiu post plenigo, vi devas sendi al la Sekretariejo de la O.K. (Enrique Cangas, 25 ATENEO GIJON). **BONVOLU**: Ne sendu ion, rilate al la XXXIX Hispana Esperanto Kongreso, al la adreso de H.E.F., ĉar tio, krom okazigi eksterordinaran kaj nenecesan laboron, okazigas konfuzojn.

---

### NOTO

Alvoko al ĉiuj Esperanto-Grupoj. Okaze de la 39-a H.K. de E., okazonta en Gijón (Asturio) en julio, oni aranĝos specialan ekspozicion. Bonvolu sendi: Komunan fotografaĵon de la Grupo kaj individuajn fotografajoĵn de la plej elstaraj Esperantist (in) oj kun koncizaj informoj pri ili. Sendu al:

39-a Hispana Kongreso de Esperanto, Grupo Esperantista JOVELLANOS, str. Enrique Cangas, 25 - GIJON (Asturio) (Hispanio)

---

# FRUKTODONA VOJAĜO

Dum la du lastaj semajnoj de pasinta septembro, kune kun mia edzino kaj loka geedza paro, ni pasigis en la rava kaj admirinda Danio, neforgeseblajn tagojn.

Dana Esperanto-Asocio organizis prelegvojaĝon sub la lerta gvidado de la sekciestro s-ano Rich Fiirgaad, kio bonege sukcesis.

Ni flugis de Barcelono al la ĉefurbo Kopenhago, kaj tie ni komencis miri la mildan, progreseman kaj ebenan nordan landeton. La grandeco kaj enlonĝantara nombro estas simila al nia Katalunio. La vivnivelo vere alta kaj la kulturo de la danoj imitinda.

Sub la amika akceptado kaj lertaj konsiloj de la Esperanta pioniro, s-ano G. Kühlman kaj edzino, ni trakuris la ĉefurbon kaj vere ni ĝuis, ĉefe ĉe la mondfama parko TIVOLI. Kompreneble, ni ne forgesis la alia vidindaĵojn de la dana metropolo kun la deviga fotado antaŭ la fama Marvirineto.

Post nia tritaga halto en Kopenhago, komenciĝis la rondirado tra la lando por prezenti, ĉe la koncernaj lokaj Esperanto-Grupoj, la prelegon sub la titolo: «Hispanio-hieraŭ - hodiaŭ - morgaŭ». Pere de duonhora parolado, mi povis konigi al la ĉeestantaro, skizan historion de nia lando kun ĉefa klarigado de la agoj de nia civila milito, la post militaj tempoj, la nuna situacio kaj la espero de la hispanoj pri la estonteco. Tuj mi prezentis 80 kolorajn diapozitivojn pri la ĉefaj vidindaĵoj tra la lando kun



**Reĝa Palaco (foto afable liverita de la Dana Ambasadejo)**

# TRA DANIO

speciala kolekto pri «Sagrada Familia» en Barcelono kaj Montserrat. Venis la deviga trinkado de kafo kun dolcaĵoj kaj la vigla kolokvo kun multaj demandoj kaj miaj bonintencaj respondoj. Laŭŝajne, la prezentado bone interesis ĉie kaj pruvis, ke Esperanto estas taŭga ilo por konigado de la landoj.

Mi prelegis en la urbo Naestved, je proksimume 70 kilometroj de Kopenhago, kie la loka samideanaro tre afable akceptis kaj invitis nin. En la cefurbo Kopenhago, tie, la kunveno estis tre impona kaj interesa. La dua urbo de la lando estas Arhus, kaj ankaŭ tie ni estis tre kore akceptitaj, kaj invititaj de la geedzoj Fiirgaard kaj Jensen, kaj pere de ili, ni miris kaj vidis la ĉefajn lokojn de la vizitinda urbo; ankaŭ la prelego bonege sukcesis. Odense, tre komerca urbo kaj naskiĝloko de la mondfama fabelisto H. C. Andersen, ankaŭ amike akceptis nin, kaj la hispana prezentado estis sukcesa. Odder estas trankvila kaj bela urbeto nur je kelkaj kilometroj de Arhus kaj ankaŭ tie ni pasigis neforgeseblan tagon dank' al la afableco de la lokaj gesamideanoj, kiuj tre afable akceptis kaj invitis nin; rava vojaĝo tra la maraj ĉirkaŭaĵoj de la urbo estis vera plezuro por ni. Nia lasta prezentado okazis en la urbo Fredericia, antaŭ ege vigla Esperanto-Grupo, kiu racie kaj efike laboras por la progresigo de nia nobla ideo.

Mi lasis laste, por speciale mencii, nian restadon en As Vig, ĉe la marbordo kaj je kelkaj kilometroj de Horsens kaj Arhus. Tie, ni pasigis preskaŭ tri tagojn. Estas instrua restadejo, luita por D.E.A. por okazigi Esperanto-kursojn. Ankaŭ tie, kaj antaŭ 40 partoprenantoj de la koncerna kurso, mi faris la hispanan prezentadon. Ni kvar, estis kore akceptitaj, kaj ni ege ĝuis tri tagojn en Esperanto. Animo kaj motoro de la imitinda entrepreno estas s-rino Lizzie Egholm, Prezidantino de Dana Esp. Asocio, kiu senlace gvidas kaj antaŭenirigas ĉiujn fakojn de la Kurso. Eble, la gvidado de la Naciaj Asocioj de Esperanto fare de virinoj, estus bona rimedo por sukcesigi nian celon; momente, ankaŭ Hispanio jam provis.



**Nakskov (foto afable liverita de la Dana Ambasadejo)**

Mi volas profiti la okazon por kore rekomendi al ĉiuj hispanaj gesamideanoj, kiuj intencos vojaĝi al Danio, provu ankaŭ partopreni en unu el la estontaj kursoj en As Vig, tie ili havos okazon iomete koni tiun landon, kaj ili estos ege afable kaj amike akceptataj.

**Ramón MOLERA**

# ESPERANTISTA VIVO

## Don Salvador Mortis

Don Salvador forpasis, kaj foriris de ni por ĉiam, sed ni rememoras lin ĉiumomente. Kvankam li ne estas persone kun ni, li restas spirite. Tian personon malfacile oni povas forgesi, kaj por ni esperantistoj el Galegio, kaj precipe tiuj el Vigo aŭ Ferrol, tio estos neebla. Kiu ne rememoros la bonulon Don Salvador kun pakaĵo sub la brako farante propagandon, pri esperanto? Tiu neforgesebla esperantisto ne disdonis nur esperantan propagandon, ĉar li ankaŭ disdonis partojn de sia boneco. Li naskiĝis por esti esperantisto kaj por esti ege bonfarema. Kiom oni diros pri li estos nesufiĉe.

Ni nomis lin «Apostolo de Esperanto», kaj neniam plej bone uzita tiu vorto. Vere li estis apostolo, lia tuta vivo estis apostolado, li nur vivis por lia parencaro kaj por Esperanto, kaj tia li mortis. Ni ploros kaj rememoros lin dum nia ekzistado. Ne gravis al li ne esti komprenata, kaj multfoje suferi pro nescioj de kiuj ne volis kompreni lin; eĉ tiam ne mankis rideto en liaj lipoj. Li estis nekapabla enuigi sin; pro nenio nek pro neniu. Li ĉiam ekridis.

Don Salvador estis nia, jes, nia; li apartenis al la esperanta mondo. Li estis el kiuj Kredis je la boneco de la homoj; li estis pacamanto kaj pro paco luktis kuraĝeme, kaj pro tio ĉi li estis nia kaj li sekvos estanta nia spirite.

Ripozu pace bona animo! kaj havu sekurecon ke viaj sekvantoj daŭrigos imitante vin kiel plej bone.

Ni diru: samideano Oliván, ni ĉiam antaŭen, pro vi kaj pro ni.

**Julio Bueno**
**VIGO 14-12-78**

## NEKROLOGO

La 6-an de aŭgusto 1978, forpasis nur 10-jara, Diana Gastón Nicolás, filino de la socialista deputito kaj esperantista membro de HEF s-ano Emilio Gastón Sanz. Al li kaj edzino, s-ino María Victoria Nicolás Minue, gefiloj Rafael kaj Elena, kaj cetera familio, nian plej sinceran kondolencon.

## NASKIĜO

La 23-an de Oktobro S-ino Conchita López, filino de S-ro Manuel López Serna, ambaŭ membroj de H.E.F., naskis sian trian filon, kiu estante ino post du virseksaj akuŝoj, feliĉigas la tutan familion. La nomo de la filino estas Zaida.

Ni gratulas ekde BOLETIN tiun esperantistan familion.

DONATIVOS PARA BOLETIN (1978)

| | |
|---|---|
| P. Sammell | 700 |
| J. Arroyo | 200 |
| A. Sánchez | 100 |
| E. Folgado | 150 |
| J. R. López | 200 |
| A. Costa | 100 |
| P. Alcedo | 100 |
| F. Fuentes | 250 |
| T. Apraiz | 100 |
| E. Larrouy | 100 |
| V. Ortiz | 200 |
| A. Figuerola | 15000 |
| J. Enguerras | 1000 |
| V. Martín | 500 |
| J. Perarnau | 500 |
| Stelo de Paco | 50 |
| Pedro Nuez | 1000 |
| Juan Martínez | 200 |
| J. Mª Glez Aboin | 14268 |
| V. A. Díez | 50 |

# ANONCOJ, ANONCOJ, ANONCOJ

## NOVA ESPERANTO-PROSPEKTO

La Turisma Oficejo en Nancy ĵus eldonis novan 10-paĝan ilustritan prospekton tute en Esperanto. Ĉiu interesato povas ricevi ĝin senpage. Nancy situas en Nordorienta Francio, ĝi estas eŭropa vojetapo inter Benelukso kaj Svislando, aŭ Germanio kaj Parizo aliflanke. Nancy posedas interesajn muzeojn kaj monumentaron de la 18a jarcento, kaj ĝi estas alirpunkto por belegaj ekskursoj. Antaŭ ol viziti Nancy, avertu la lokajn Esperanto-delegitojn.

Por ricevi la prospekton, oni turnu sin al:

TURISMA OFICEJO-14, Place Stanislas
F 54000 NANCY FRANCIO

Okaze de la «Internacia Jaro de la Infano 1979», proklamita de UNO, ni aranĝas urban ekspozicion per revuoj, ĵurnaloj, albumoj, ilustritaj kartoj, infanaj desegnaĵoj, fotoj k.a. pri la vivo kaj revoj de la infanoj en la mondo.

Materialojn bonvolu sendi al: ESPERANTO-SOCIETO «PROGRESO», p.k. 61, Polski Trambeŝ 5180, BULGARIO.

Ĉiu partopreno estos rekompencita.

## NOVA REVUO

**SEMAJNO - Internacia magazino sendependa**

Vi ricevas numeron nul (provnumeron) de SEMAJNO kontraŭ pago de 3-gm al poŝtkonto Nbg 65092-858 (S. Maul, Semajno, Augsburg) au sendo de 4 internaciaj respondkuponoj, al: S. Maul, SEMAJNO, Singerstrasse 1/III, D-8900 AUGSBURG, FR GERMANIO

## DEZIRAS KORESPONDI

Bogdano Graniczek; ul Stalingradzka 23/8.— 33-100 TARNOV (POLLANDO), deziras korespondi kun hispanoj.
Mi estas lernanto de Esperanto, kaj kolektas bildkartojn. Granda intereso pri fotografado. Mi estas 14 jaraĝa.

S-ro Jaroslav Svojse, 38301 PRACHATICE-LAZNE 264, Ĉeĥoslovakio.
Temo. Skolta mondo

S-ro Jan Vedevik, poŝte restante, 40101 Goteburg I. SVEDIO.
60-jara sola svedo, korespondi kun esperantistinoj pri ciuj temoj. Ankau interŝanĝi fotojn kaj bildkartojn.

---

Mi estas intruistino kaj laboras en lernejo en mia urbo.
Tiu ci jaro mi instruas fizikon en 8-a klaso. Mi estas 23 jara. Skribu, f-ino Diana Donĉeva, Ustabaŝicv 39, 5400 Sevlievo. BULGARIO.





Mi tre ŝatas korespondi kun samideano, mi havas edzon kaj du infanojn S-ino Bojana Slavova
vh Aap 4, Marica Haskovo
voenen 116 Bulgario